# Esperanto HAMBURG



**3/1995**

Junio/Julio

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# Salutoj el Osaka — Harald Schicke vizitis la ĝemelurbon de Hamburg

**Osaka (hŝ). Kiel interkonsentite en la jarĉefkunveno de HES, Harald Schicke en Marto plektis kontaktojn kun *Osaka Esperanto-Societo* (OES).**

S-ino Tahira Masako (antaŭ nelonge gasto en Hamburg) perfekte preparis ĉion. Ŝi informis pri Osaka-Hamburga Amikeca Asocio kaj tradukis la informojn. Masako akompanis Harald al la urbodomo de Osaka, kie ili prezentis Esperanton al la urba oficisto pri ĝemelaj aferoj. Ili emfazis ke OES kaj HES estonte intencas kunlabori en ĝemelaj aktivadoj. Ili ricevis diversajn prospektojn pri Osaka kaj ties ĝemelaj urboj (nun en la HES-klubejo).

**Bv. legi pri Osaka sur p. 4**

## Enhavo



## Editoraĵoj

***Esperanto Hamburg***
**Eldonanto**:
*Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95
D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65 (=Fakso)
Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)
Kto. 173 22 - 207
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr*
Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg,
✆ (040) 43 51 97
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 4/1995:**
**8 - 7 - 95**

## Sentenco

Membroj,
kiuj ne kontribuas,
ne atendu ampleksan
**informilon!**

## Wir machen Faxen

**Nein — wir haben ein Faxgerät !**
Seit kurzer Zeit ist das Esperanto-Haus Hamburg auch fernschriftlich zu erreichen: Nachdem wir bereits seit ein paar Monaten einen Anrufbeantworter angeschlossen hatten, hat uns jetzt die Hamburger Esperanto-Jugend ein Faxgerät zur Verfügung gestellt.
Trotzdem bleibt die alte Nummer:
**0 40 - 2 50 30 65** — egal, ob Telefon oder Fax; — egal, ob jung, ob alt.

## Esperanto en Hamburg fakse atingebla:

## 0 40 - 2 50 30 65

## Somero en la klubejo

La Esperanto-Domo disponas pri bela ĝardeno kaj granda teraso kun suna posttagmezo. Sed la planko de la teraso ne taŭgis por surmeti seĝojn, ĉar la bitumo difektiĝis. Ĉi-jare ni povos uzi la terason, ĉar nun la bitumo estas kovrita de verda tapiŝo, kiu similas herbejon. Multan plezuron dum ĉielirtago deziras Benno Klehr.




# Nova Seminario en Hamburg

HES startas novan serion de seminarioj kunlabore kun Germana Esperanto-Junularo. La unua komuna seminario okazos de la

29. 9. ĝis 1.10.95

en la Hamburga Esperanto-Domo.

Temo:

**Per trafa varbado al sukcesa kurso**

Paŝoj de organizado de vidinda ekspozicio kaj inteligenta informado ĝis interesa kurso.

**Kion diri** pri Esperanto – **kaj kion prefere ne:** Prezentado de la ***Proponaro*** de *Marcus Sikosek*, kaj **kiel prezenti** la lingvon Esperanto: ***Schnupperkurs*** de *Jürgen Wulff*, kun spertoj el la pasintaj kvin jaroj.

**Tempo:**

de Vendredo posttagmeze ĝis Dimanĉo posttagmeze

Kotizo: ***DM 50,–***

(inkluzive ĉefaj manĝoj — por kafo oni pagu *DM* –,50 ktp.)

Aliĝu ĝis la 15a de Aŭgusto ĉe:

Hamburga Esperanto-Societo
Klaus-Groth-Straße 95 • 20535 Hamburg
Tel./Fax: 0 40 - 2 50 30 65

**Junuloj** (< 26j.) aliĝu ĉe Germana Esperanto-Junularo
Chausseestr. 8 • 10115 Berlin • Tel./Fax: 2 83 43 20
GEJ pagas vojaĝsubvenciojn!

# Osaka
# urbo de 808 pontoj

**La Japana ĝemelurbo de Hamburg ne havas tiom da pontoj kiel Hamburg (2123) – sed ankaŭ tre multajn. Alikaze la urbo Osaka estas duoble granda: 2,7 Milionoj!**

La urbo situas ĉe la rivero *Jodo*, kiu fluas en la *Osaka-golfon*. Post Tokio ĝi estas la plej grava okcident-Japana centro por industrio, komerco kaj administrado. Pluraj branĉoj de la rivero *Jodo* kaj kanaloj fluas tra la urbo. Tiu favora situo ebligis evoluon de komerco.

En la 7a kaj 8a jarcentoj Osaka estis la sidejo de imperiestro kaj havis bonajn rilatojn al Koreio. Sed nur en la 16a jc. Osaka fariĝis komerca centro kaj vera havenurbo. La riĉaj komercistoj de Osaka fariĝis mecenatoj de multaj famaj artistoj.

Tra la urbo gvidas pluraj metro-linioj kaj multaj, parte privataj, trafiklinioj. En la 60aj jaroj estis konstruita granda subtera komerca centro, la haveno estis pligrandigita.

En la kvartalo *Minami* troviĝas la tradicia Osaka kun vendejoj, restoracioj kaj teatroj. La moderna centro de la granda ekonomio estas en la kvartalo *Umeda*.

La **Kastelo de Osaka** estis konstruita en 1586, tiam la plej granda en la lando. Hodiaŭ nur plu ekzistas la malnova, 14 metrojn alta bazo. La 42 metrojn alta kastelo estis rekonstruita en 1931 — el ŝtalbetono. En la kastelo troviĝas historia muzeo. Teraso en la supra etaĝo prezentas rondrigardon al la urbo kaj la ĉirkaŭaĵo.

La plej granda budhisma templo de Osaka estas la **Ŝitennoji-templo** el la 6a jarcento. Pro plurfojaj bruliĝoj hodiaŭ plejparte nur ekzistas rekonstruaĵoj de post la dua mondmilito. La trezorejo enhavas multajn budhismajn valoraĵojn el la 12a kaj 13a jarcentoj. Ĉe la okcidenta enirejo staras ŝtona torijo (pordego) el la jaro 1294, la plej malnova en Japanio.



**La rekonstruita kastelo de Osaka**

Desegnaĵo: Benno Klehr

La sanktejo de **Sumijoŝi**, fondita en la jaro 202, estas dediĉita al la kvar gardo-dioj de la maristoj. Ĝi estas unu el la plej famaj en Japanio.

*Laŭ Harenbergs Weltreport, 1990*

# Osaka E.-Societo

La Esperantistoj el Osaka proponas al la Hamburgaj klubanoj:

— Ni interŝanĝu informilojn
— Ni sonbende prezentu la klubon kaj la membrojn, ekzemple per intervjuoj.
— Ni faru simile vidbende. Kelkaj Japanaj klubanoj povas ŝanĝi inter Germana PAL kaj Japana NTSC normoj.
— Ni prezentu niajn urbojn per filmo aŭ diapozitivoj kun klarigoj.
— Individuaj membroj povus korespondi kaj viziti sin. La prezoj por la flugo estas ĉirkaŭ 1700,– markoj.

Osaka estas impona urbo kaj Japanio nepre vizitinda lando!

*Harald Schicke*

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## Junio

**1** *Frank Merla:* **Interanima Lingvo**

**8 Raportoj pri la kongreso en Parizo**

**15 Kunveno kun gastoj de "Kirchentag"**

**22** *Werner Bormann:* **Du provoj sukcesigi Esperanton per sciencistaj grupoj**

**29** *Pia Haasis:* **Traduko=perfido?!**

## Julio

**6, 13, 20, 27 — sen speciala programo — gastoj ĉiam bonvenaj!**

**Dum la somera feria tempo la klubejo estas malfermita Ĵaŭde ek de 18 h**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| T | I | T | I | K | A | K | O | P | A | P | A |
| E | D | U | K | A | D | I | S | R | A | E | L |
| L | I | N | O | L | E | U | M | O | O | R | A |
| E | L | E | N | S | N | E | O | P | R | E | N |
| V | I | L | A | O | O | D | Z | E | T | A | D |
| I | F | E | I | N | V | I | O | L | O | N | O |
| D | I | A | R | E | O | T | I | E | L | T | R |
| A | G | P | A | T | R | I | N | R | I | Ĉ | A |
| M | U | R | N | O | T | A | R | I | G | A | S |
| T | R | O | T | K | O | R | I | D | O | R | O |

**solvoj de niaj feruraj enigmoj n-roj 1/95 kaj 2/95**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | L | O | Z | S | E | R | P | E | N | T | O |
| B | O | W | I | T | Z | E | E | N | E | A | D |
| R | G | E | N | E | R | A | T | O | R | G | R |
| I | E | L | K | N | A | L | T | R | E | M | O |
| K | A | L | O | C | S | A | Y | M | I | A | N |
| O | B | S | T | I | N | K | N | E | D | N | E |
| T | A | B | U | L | U | L | B | R | I | Ĝ | O |
| O | T | E | L | O | F | I | L | I | N | O | N |
| T | E | N | I | L | A | P | A | Ĉ | O | I | O |
| E | K | I | P | A | Ĵ | O | T | A | J | D | O |

# Seminarioj en Marto kaj Aprilo

**Hamburg (ehh). Fine de la monatoj la semajnfinoj en la Hamburga Esperanto-Domo estas tute okupitaj de seminarioj por kursgvidantoj. En Marto 1995 d-rino Vesna Staničić-Burchards prelegis pri metodiko kaj didaktiko, en Aprilo Benno Klehr pritraktis gramatikon, fonetikon kaj Germanismojn.**

Vesna montris diversajn manierojn, kiel oni povas gvidi kurson, kaj prezentis eblecojn, kiel per diversaj rimedoj (sonbendo, tabuloj, fotokopioj, retro-projekciilo) eblas kapti la atenton de la lernantoj. Ŝi donis multajn konsilojn, kiel plani la strukturon de leciono. La partoprenantoj ricevis abundan materialon por mem prilabori kaj por uzi en propraj kursoj.

Benno atentigis la partoprenantojn pri kelkaj elementoj de la gramatiko de Esperanto, kiuj ne estas tute senproblemaj por Germanlingvanoj; same pri la fonetiko kaj unuopaj esprimoj, kiujn oni povus intermiksi.

La partoprenantoj fine estis tre kontentaj pri ĉiuj seminarioj, kaj konstatis, ke ankoraŭ ekzistas multaj temoj, pri kiuj ili ŝatus lerni en aliaj seminarioj.

Benno Klehr

# Weiterbildung Hamburg

**Hamburg (ehh). La ekspozicio pri klerigado en Hamburg, 21.-23.4.95 denove estis granda sukceso.**

La stando ĉi-jare ne estis en la kutima loko inter la du haloj, ĉe la trairejo, kie pasas ĉiuj. Tamen ĝi estis bone vizitata kaj la loko montriĝis ne tiom laŭta kiel la antaŭa. La dekoracio montris citaĵojn de Umberto Eco kaj liston de Nobel-premiitoj el inter la Esperantistoj. Apud granda mondmapo la vizitantoj povis legi pri multaj aliaj lingvoj, kiuj ekzistas sur la mondo, kaj oni ne konas ilin, kvankam multaj milionoj parolas ilin.

Alia novaĵo en la ĉi-jara ekspozicio estis **du prelegoj** en tiel nomata *forumo* de la ekspozicio. *Irmgard Karst* prezentis **enrigardojn en la tute specialan lingvon Esperanto**, kaj *Werner Bormann* prelegis pri **fremdlingvoj en la moderna Eŭropo**.

Post la ekspozicio okazis du informkursoj en la Esperanto-Domo: La 25an de Aprilo *Bodo Schneider* enkondukis al **kulturo kaj funkcio de Esperanto**, la 6an de Majo *Jürgen Wulff* invitis al sia fama **Schnupperkurs**. La 9an de Majo komenciĝis nova kurso por komencantoj, kiun gvidas *Bodo Schneider*.



# Tekstprilaborado

**Hamburg (ehh). Dum klubvespero la 20an de Aprilo, *Jürgen Wulff* prezentis diversajn programojn por prilabori tekstojn per komputoro.**

*Jürgen* ankaŭ prezentis la novan programon **Ĉapelilo**, kiu antaŭ nelonge estis lanĉita. Ĝi estas la unua tekstprilabora programo, kiu funkcias tute en Esperanto. Ĝi disponas pri multaj diversaj skriboj por skribi tekstojn en diversaj lingvoj. Eĉ ekzistas programparto kiu ebligas kontrolon de ortografio helpe de vortaro kun miloj da vortoj en Esperanto.

# Seminario en Aŭgusto: Kiel marmorumi paperon

***Pia Haasis*** montras al interesitoj, kiel eblas prilabori paperon por atingi diversajn kolorajn aspektojn.

Dato: 18.–20.8 95.

– Vendrede 18–20 h, Sabate 14–20 h, Dimanĉe 10–16 h.

Loko: Esperanto-Domo Hamburg

Maksimume 5 partoprenantoj!

Aliĝu ĉe HES.

kotizo: *DM* 60,– (inkluzive 40,– por materialo)

**Bonvolu aliĝi baldaŭ!**

# Organizanto serĉata por Du und Deine Welt

**Hamburg (ehh). De la 25a de Aŭgusto ĝis la 3a de Septembro '95 denove okazos la ekspozicio *Du und Deine Welt* en Hamburg. Ĝi okazas ĉiujare kaj estas la plej granda ekspozicio por konsumantoj en Germanio. Partoprenos ankaŭ la Landa Ligo Hamburg de GEA.**

La ĝisnuna organizanto de la Esperanto-stando en la ekspozicio, *Bodo Schneider*, serĉas posteulon, kiu transprenos la preparadon de materialo por ekipi la standon kaj prizorgi inform-materialon.

**Ni nepre volas daŭrigi nian partoprenadon** en tiu grava ekspozicio, kiun vizitas 250.000 homoj! Se ni nur unu fojon ne plu partoprenus, ni perdus la unike favorajn kondiĉojn, kiujn ni ĝuas: Ni nur devas pagi tre malaltan kotizon!

La organizanto ne devas ĉiam stari ĉe la stando, sed li aŭ ŝi zorgu pri tio ke la ekspozicio kaj la prezentado funkciu. *Bodo Schneider* estas preta, enkonduki la "novulon" en tiun laboron. La organizanto ne devas esti Hamburgano — kaj povas esti junulo aŭ pensiulo.

## Germana Esperanto-Biblioteko

**Adolf Burkhardt**, prizorganto de la Germana Esperanto-Biblioteko, petas helpon de niaj membroj. Mankas numeroj el diversaj jaroj de la *Hamburga Informilo.* Ankaŭ en la HES-biblioteko mankas kelkaj informiloj. Ni petas niajn membrojn, kiuj ankoraŭ posedas malnovajn informilojn de antaŭ 1984, porti ilin al la klubejo.

Ni havas liston pri tio, kio mankas en Aalen.

Kun anticipa danko *Benno Klehr*

## Fervojistoj kaj GIS invitas al Bergedorf

La *GEFA-grupo Hamburg* kaj *Gesellschaft für Internationale Sprache* invitas al la kutima somera ekskurso, Sabaton,

10. 6. 1995 ek de la 10.30 h

Loko: S-stacio Bergedorf, elirejo "Bergedorf"

Ne ekzistas sufiĉe da parkejoj apud la stacidomo, parkdomo fermiĝas je la 14.00 h! Libera parkejo troviĝas en strato "Binnenfeldredder" n-ro 88, ĉe la Komerca Centro – vid-al-vide de strato "Stormarnhöhe". De tie estas 2,5 km al la stacio; veturas busoj.

Programo:
- — Gvidado tra Bergedorf kun klarigoj
- — Komuna tagmanĝo
- — Promenado laŭ Rivero Bille
- — Kafo kaj kuko
  en Komerca Centro Binnenfeldredder
  (kie troviĝas la parkejo)
- — Fino 16.00 h

Poste ĉiuj Esperantistoj estas bonvenaj por babili en la hejmo de ges-roj Bormann en Schärstraße 26.